# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

auto 21/09/2013 Cent tridek unua Eldono 21/09/2013 SENDITA (unua eldono 26/09/2011)


**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;**

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx


**Redaktoro Roger Springer** **Provlegita de Nicole Else**


**SENDATA AL 260**

La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la interesajn ligojn

Estas via Esperanto-familio. Informu, Fotoj bonvenaj.

## Aŭskultu Retradion en Esperanto ĉiun tagon

http://esperantareradio.blogspot.co.at/ Estas « RSS Feed »



### Entuziasmiĝu per Esperanto.

Elsendo de la14a Septembro 2013

En rondoj de esperantistoj ofte aŭdiĝas la demando: Kiam vi eklernis Esperanton? Kiun rolon ludis la informado pri Esperanto?

Tiuj demandoj sugestas ke por la lernado de Esperanto iu decido bone pripensita gravas. Sed tio estas maltrafa. En plej multaj kazoj oni iel ekhavas kontakton kun la lingvo, akiras kelkajn informojn pri ĝi, trovas eblecon lerni iomete, trovas tion ne interesa kaj ĉesas daŭrigi aŭ trovas ĝin interesa kaj daŭrigas la okupiĝon pri la afero. Do ne temas pri iu granda decido, sed pri paŝetoj ĉe kiuj ĉiuj unuopaj paŝetoj povas konduki al ĉesigo aŭ al daŭrigo.

ktp ktp ktp kaj tiel plu

Se post la unuaj kontaktoj kun la lingvo ne aperas taŭgaj eblecoj al daŭrigado, tiam la ĵetita semo perdiĝas kiel la mil aliaj pri kiuj Zamenhof parolas en sia poemo "La Vojo". **Malgranda parto de bona artikolo** Ctrl+alklaku la bluajn lokon)

# AEA Informas

## Aŭstralia Esperanto Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

**2012-09-13 - AEA raportas:**

Nian lastan Skype estrarkunvenon (13/09/2013) ĉeestis Heather, Kam Lee, Margaret kaj Sandor.
(Intertempe Indrani revenis el Kanado)
Jen la ĉefaj rezultoj:

* **Komuna kongreso en Orienta Timoro**

La diskuto pri la ebla komuna kongreso en Orienta Timoro en 2015 daŭrigis. Ni tre bonvenigas komentojn

*** Proponoj de Dmitry**

Dmitry en Sidnejo proponis ke Esperanto Domo fariĝu kulturdomo kaj ke ni okazigu pli da eventoj tie.
Ni agnoskas kaj aprezas lian energion.
La NSK federacio diskutos dum sia venonta kunveno dimanĉon(22/9)

*** Arkivoj**

Huigh Malcolm daŭrigas la longdaŭran laboron ordigi nian arkivon. Baldaŭ ni aĉetos novajn bretojn.

*** Nova retejo**

**Ne forgesu:** aea.esperanto.org.au

Nia nova retejo estis enŝaltita. Ni refoje dankas Jim por la kreado kaj Jonathan Cooper por la transpreno kaj la tujaj plibonigoj.
Li nuntempe zorgas pri ĝi kaj ni tre esperas ke vi vizitos ĝin kaj informos nin, se vi trovas erarojn kaj kiam vi volas proponi plibonigojn.

Heather, Kam Lee, Margaret, Sandor

## "Esperanto en Sudaŭstralio"

renkontiĝas ĉiun unuan merkredon en la "Skatolfabriko".
Hieraŭ, la 14-an de septembro ni renkontiĝis ĉe Pat Palmer. Ni okazigis "Teatraĵan Posttagmezon".
Partoprenis 12 personoj, kiuj aktive partoprenis en la diversaj prezentaĵoj.

Plej amike, Bob Felby

Esperanto-Teatraĵo

## Fotojn sendis Sandor







**Adelajda posttagmeza teatrumado.**

Lastan sabaton(14/9) 12 Adelajdaj esperantistoj kunvenis por la tradicia teatra posttagmezo. Oni bone prezentis, ridis kaj ..... kompreneble manĝis. Sendis Sandor





Sandor Eileen Pat legas

Sendu informon al mi pri viaj kunvenoj kaj via Esperantista familio ĝojos.

## ESPLORO PRI LA MALAVANTAĜOJ DE AEA KONGRESO EN ORIENTA TIMORO



AEA Kunsido 2013 Orienta Timoro Diskuto

Okazas publika diskuto pri ĉu AEA organizu AEA 2015 Kongreson en Dili, Orienta Timoro.

Kam kontraŭas la proponon pro la sekvaj kialoj:

**1) Veturrilataj Faktoroj:**

Flugkostoj estas tre multekostaj kaj estas montritaj en la sekvaj ekzemploj:

Flugbileto por veturi el Melburno al Darvino al Orienta Timoro per Jetstar/Qantas (Tien dum Januaro 4a kaj reen 16a Januaro, 2014) minimume kostas $1,400. La normala prezo ofte estas $1,700). La vetur-tempo inter Melburno kaj Dili estas normale 14 horoj.

Fakte estas iomete pli malmultekosta flugbileto, por veturi el Melburno al Dilio Orienta Timoro. La biletkosto estas $1,381, sed oni devas unue halti ĉe Alice Springs kaj Darvino kaj la veturtempo estas 35 horoj, dum kiuj vi povas dormi, konfuziĝi, grumbli, pensi pri nenio, pensi pri tio kion vi intencas fari ĉe la kongreso kaj tiel plu. Ne estas rektaj flugoj inter Melburno kaj Dili.

Interesa komparo de minimumaj unu direktaj flugbiletaj prezoj dum 4-1-2014.

Melb-Darvino: $258 (Virgin), Melb-Darvino-Dilio: $734 (Jetstar/Qantas)
Melb-Bali: $498 (Jetstar), Melb-Brisbano $118 (Jetstar),
Melb-Perto $328 (Jetstar), Melb-Kuala-Lumpuro-Ĝakarto $582
(Air Asia), Melb-Aŭklando $274 (Jetstar), Darvino-Dili: Ne eblas!

**2) Eksterlandaj Faktoroj:**

Pasporto kaj vizo estas bezonataj. La kosto por peti vizon estas $30.00.

**3) Postvoĉdonadaj Faktoroj:**

La proponita 2015 kongreso estos la unua kongreso, kiu okazos post la voĉdonado de la nova Estraro. Du eblaj seriozaj problemoj povas okazi.
**3a**) Eblas, ke la venonta estraro ne deziras ĉeesti ĉe kongreso en Dili en Orienta Timoro, pro altaj flugbiletaj kostoj.
**3b**) Multaj opinias ke la unua postvoĉdona kongreso devus esti oportuno, dum kiu la AEA membroj povus renkonti la novajn direktorojn.
Se estus tre altaj veturkostoj, mankus entuziasmo de direktoroj kaj membroj por ĉeesti la kongreson.

Rilata afero estas ke granda proporcio de kongresaj partoprenantoj dum AEA kongresoj estas loĝantoj de la kongresurbo aŭ Esperantistoj, kiuj loĝas kun amikoj kiuj loĝas en la kongresurbo. Pro ekonomiaj kialoj kaj asigno de financaj elspezoj, multaj el tiaj Esperantistoj nur ĉeestos kongreson en proksima ĉefurbo, do la probableco ke multaj Aŭstraliaj Esperantistoj ĉeestos kongreson en Dili estas malgranda.

Oni devas konsideri ĉu AEA ĝenerala jarkunsido povos okazi tie, ĉar almenaŭ tri direktoroj kaj sep aliaj AEA membroj devas ĉeesti tie por atingi kvorumon.

Ĉu estas pli bone, ke la unua postvoĉdona kongreso okazu en ĉefurbo de Aŭstralio?

**Konkludoj:**

Mi konkludas, ke la malavantaĝoj de organizado de AEA kongreso en Dili, Orienta Timoro estas grandaj. La ĉefa malavantaĝo estas la altaj flugkostoj, kiuj estas minimume $1,350 tien kaj reen de Melburno.

Aliaj malavantaĝoj kaj konsekvencaj malavantaĝoj estas diskutitaj.

Kam Lee

# Propaganda sekcio







**SBS2 ĉe Sidnejo** proponas rakonti pri Esperanto en sia elsendo "The Feed"

Jeannette Francis
(REPORTER/PRODUCER – The Feed SBS2) kontaktis kelkajn Esperantistojn Esperantistojn pri ŝia propono.



"Manly Daily" la loka taga senpaga ĵurnalo, intervjuis Christine Holliss pri ŝia vojaĝo al Rejkjaviko kaj pri la Manlia Esperanto-klubo.



Vidu supre maldekstre paĝon 8 de la ĵurnalo, 18 Sept 13
Manly Daily 18-Sept 2013 page 8




# Venu al Kanbero 3 ĝis 12 Januaro 2014

# Come to Canberra

Kara AEA-membro,

* Ni esperas, ke vi ricevis nian ĵurnalon "Esperanto sub la Suda Kruco".

Kun ĝi ankaŭ alvenis ses flugfolioj pri nia venonta kongreso/somerkursaro en januaro 2014 en Kanbero.

Bv serioze konsideri partopreni nian plej grandan jaran eventon kaj reklami inter viaj amikoj kaj konatoj.

Krome, ne hezitu, se vi volas prezenti aŭ organizi dum la kongreso.

* Ni konsideras organizi komunan kongreson en Orienta Timoro en 2015.

Skribu al ni, kion vi pensas pri la propono.

* Ni ankaŭ atentigas, ke nia nova retejo

aea.esperanto.org.au

estas aktiva. Vizitu ĝin kaj proponu plibonigojn.

Plej amike,

Heather, Indrani, Kam Lee, Margaret, Sandor

(AEA estraro) 17/ 09/ 2013

# LETEROJ de la legantoj

Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena





## Ni Vizitos Sidnejon

Saluton!

Ni estas esperantista paro, kiu kun ne-esperantistaj geamikoj vizitos Sidnejon inter la 7-a kaj la 15-a de novembro. Ni ĉiam ŝatas renkonti aliajn esperantistojn dum niaj vojaĝoj. Ĉu iu(j) volas kontakti nin por eventuala renkontiĝo?

Amike,

Ann-Louise Åkerlund, Helsingborg, Svedio <annlouiseakerlund@gmail.com>

## Pensoj pri lingvoj



Karaj

Mi konsentas pri la vortoj de Marcel pri la gramatiko kaj strukturo de lingvoj (AE130, paĝoj 4-5).

Por tiu kiu ne konas sian propran (hejman) lingvon, estas ege malfacile

lerni alian.
Foje, kiam mi strebis gvidi novulojn tra la simpla gramatiko de Esperanto, mi trovis ke ne ĉiuj ja kapablas la propran lingvon, kaj kelkfoje mi devis unue lernigi tiujn pri sia 'unua' lingvo antaŭ ol mi povis enkonduki al ili la duan lingvon.
Neperfekta parolanto ofte povas prezenti siajn ideojn al alia persono vizaĝo-al-vizaĝo, uzante la manojn, la gestojn k.t.p., sed tia metodo estas tute senutila se oni telefonas aŭ volas skribi.
Do mi ripetas tion kion Marcel skribis - estas necese kaj helpeme alperfektiĝi en la lingvo - aparte por eviti miskomprenon.
Kaj, dua kialo por lerni Esperanton - farinte tion, oni mem lernas uzi pli bone la propran lingvon!
Margaret Chaldecott



MANLY

**Esperantists speak up for worldly lingo**

Manly Esperanto Club meets at the Bavarian Bier Cafe.

IN AN ideal world everyone would be able to speak the same easy-to-learn, second language.

This is the belief of members of the Manly Esperanto Group, who met with more than 1000 other Esperantists from 55 countries around the world for a congress in Iceland.

Esperanto literally means "one who hopes" and was created by Dr Ludwig Zamenhof in the latter part of the 19th century. It is the most widely spoken constructed international auxiliary language and Newport's Christine Holliss learnt to speak it about 10 years ago.

Mrs Holliss joined the group at the same time and has since travelled to many countries with them.

"We love to travel because we can communicate with people in any country where there are Esperanto-speaking groups," she said.

"I was always interested in learning a language and this one is quite easy with few rules, so I can get by very well."

The Manly Esperanto Group welcomes new members.

It meets on the first and third Saturday of the month at the Bavarian Bier Cafe.

For more information call Roger on 9976 6320.

"Manly Daily" la loka taga senpaga ĵurnalo, intervjuis Christine Holliss pri ŝia vojaĝo al Rejkjaviko kaj pri la Manlia Esperanto-klubo.
Vidu supre maldekstre paĝon 8 de la ĵurnalo, 18 Sept 13 [Manly Daily 18-Sept 2013 page 8]

Xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

## Vortoj de "Lernu"

GUTI
1. Fali, flui en gutoj:
Ŝi malsanas kaj el ŝia nazo ofte gutas sango.
Sur lian nazeton falis malgranda guto de pluvo; pluvo ekgutis.
Sen gutetoj maro ne ekzistus; maro estas nur gutaro.
La vakso de kandeloj gutetis en la kandelingojn.
Riparu la tegmenton, ĉar pluvo tragutas tra ĝi!
Gutigu la kuracilon kaj kalkulu dek gutojn.
Akvo ĉiam degutadis de tegmentoj post la ŝtormo.
2. Lasi fali de si kvazaŭ en gutoj:
Larmoj gutis de ŝiaj vangoj.
Forte pluvis kaj mi revenis hejmen kun gutantaj haroj.
Feliĉo venas gute, malfeliĉo venas flue.
Mi ĉiam trinkas vinon pogute.

KAŬRI
1. Sidi sur la kalkanoj:
Se vi malobeos, vi kaŭros en angulo de la ĉambro!
Iuj homoj kaŭriĝas por preĝi antaŭ la manĝado.
Kiam vi dormas, ne kuŝu kaŭre.
2. Sidi kuntiriĝante por sin kaŝi aŭ por eksalti:
Malbonuloj kaŭris en la ombro kaj atendis homojn por ataki ilin.
Mia kato ĉiam kaŭriĝas kiam ekvidas iun birdon.